

# PENSEO

*N-ro 185*

*marto/2007*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**

**Honorita de Premio Grabowski,1994**

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 18-a jaro http://www.elerno.net/penseo/penlisto.htm**


# Ekzamena Intervidiĝo


**Xiong Yanling**


Aŭtobuso haltis ĉe stacio kaj pasaĝeroj eniris kaj eliris.

Ĉe la fronto de la aŭto sidis mezaĝa kampul-aspekta viro en malnova vesto, akre kontraste kun tiuj urbanaj pasaĝeroj en bonorda okcidentstila vesto. Li ne havis intencon eliri, kaj nur turnis sian rigardon al la aŭta pordo.

Subite ekbrilo aperis en liaj okuloj kaj li fiksis sian rigardon al tiu, kiu, kun aspekto de blankkoluma dungito, ĵus sidiĝis sur la sidlokon. Li, kun mira ĝojo, kriis al tiu, "Dingĉjo, Dingĉjo!" Surprizite, la blankkolumulo ĵetis straban rigardon kaj, kuntirinte siajn brovojn, donis nenian atenton al li. Ne turninte sian kapon, la kampulo ankoraŭ fiksis sian rigardon al li. Plilaŭtigante sian voĉon, li kriis al la blankkolumulo, "Dingĉjo, ĉu vi ne konas min?" Tiu ekrigardis lin strabe kun malpacienco. Kiun vi vokas? Kiu estas Dingĉjo? Ĉu mi konas vin? La kampulo ne cedis kaj obstine fiksis sian rigardon sur lin, insiste kriante, "Mi vokas vin, Zhang Chuanding! Mi estas Zhuĉjo, Li Shouzhu! Ĉu vi ne konas min?" La vokito okule balais la ĉirkaŭrigardantojn kaj trovis, ke ĉiuj fiksis sian rigardon sur ilin. Li levis sian kapon kaj kontraŭdiris, "Diablo! Kiel mi povus koni vin! Rigardu, kiel vi aspektas!"

La kampulo, kiu neniel rezignis sen atingi sian celon, stariĝis el la sidloko kaj sidiĝis sur la vakan sidlokon apud la blankkolumuo. Li fikse rigardis liajn okulojn , preskaŭ indigna. "Bone pririgardu min. Vi ne konas min, ĉu vere? Ni ambaŭ vivis kune de infaneco ĝis plenkreskuleco." La blankkolumulo mallevis sian kapon sen moveti sian palpebrojn. Li elbuŝigis, "Kial vi estas tiel enuiga? Vi misprenis min kiel vian konaton!" Post tio, li turnis sian kapon al la pejzaĝo ekster la fenestro, ekstreĉinte sian kravaton kaj platiginte sian sian bonorde kombitan hararon. Li movetis sian korpon flanken. La kampulo insiste daŭrigis, "Zhang Chuanding, mi aŭdis, ke vi havas bonan karieron. Ĉu vi povas doni bonan konsilon pri laborserĉo?" La blankkolumuo pretendis ne aŭdi lin kaj daŭre spekti la pejzaĝon ekster la fenestro. Forte skuante sian kapon, la kampulo eligis longan suspiron. Ĉiuj rigardoj en la buso pafiĝis sur lian vizaĝon, sed li trankvile reiris al sia sidloko.

La blankkolumulo elaŭtiĝis ĉe la pordo de granda kompanio. La kampulo sekvis lin. Ili ambaŭ eniris la pordon de la kompanio. Ĵetinte straban rigardon al li, la blankkolumulo eligis mokridon tra la nazo, "Vi babilema azeno, mi venas ĉi tien por peti oficon, ĉu ankaŭ vi?" La kampulo ŝanĝis sian antaŭan sintenon. Kun alte levita kapo kaj elstarigita brusto, li respondis nek humile nek arogante, "Mi ne venas por peti oficon." La blankkolumulo mokis, ridetante, "Vi venas ĉi tien por fariĝi servisto, ĉu ne?" La kampulo donis al li nenian atenton kaj faris rapidajn paŝojn antaŭen, lasante lin malantaŭe.

Dek kandidatoj venis por ekzamena intervidiĝo. La blankkolumulo sidis inter ili, atendante kun memkontenteco. Pensante pri

sia unuavica rekordo en la skriba ekzameno kaj sia eleganta aspekto, li sentis sin plena je memfida. Tiam alflugis voĉo ŝajne konata al li, "Zhang Ĉuanding!" Respondante altvoĉe, li tuj alkuris rapide al la intervidiĝejo. Apenaŭ li eniris la pordon, li surprizite eligis "aĥ" kun plene malfermita buŝo. Li pendigis sian piedon en aero kaj preskaŭ stumblis.Li ruĝiĝis kun hontemo, "Ĉu estas vi, ekzamenisto Li?" La ekzamenisto demandis, ridetante, "Ĉu vi rekonas min, do, post kiam mi ŝanĝas mian veston?" La demandito mallevis sian kapon kaj fikse rigardis siajn piedpintojn, ne sciante, kien meti siajn manojn. Lia antaŭa aroganteco kaj malvarmeco jam malaperis. Li klinis sian korpon kaj diris humile, "Ekzamenisto Li, konsideru pri nia kuna vivado de infaneco kaj ne pripensu mian kulpon. Bonvole..." La ekzamenisto, svingante sian manon, rompis lian parolon, "Mi tre taksas vian talenton, kaj mi devus doni al vi gravan oficon, sed vi ne trapasis la ekzamenan intervidiĝon en la buso..."

Blankkolumulo Zhang, malstreĉinte sian kravaton, staris ŝtoniĝante kiel ŝtipo.



elĉinigis **Helo**

# Ĉineske

## Chaozhongcuo

unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj de 4 kaj 5 versoj respktive de 7,5,66 / 444,66 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xxa,xa (x = senrima).

### Lupo kaj Ŝafido

1.

al sama la rivero
pro soifpelo
lupo kaj ŝafido
trinkas en libero

ili staris
lup' pli supre
kun fiero
pli malsupre l' ŝafid'
en panik-sufero

2.

por regalo avida
je karn' ŝafida
lup' elpensis ruzon
de la plan' insida

li pretekston
plektis prete
"vi perfida
besto, kial akvo
mia klare-vida

3.

jen malpuriĝas de vi
per ŝlim' kaj defi'?"
"kiel, oh, mi povus?
fluo venas al mi

de la river-
supro via."
kun tima kri'
la ŝafid' respondis
kiel trema foli'

4.

preteksto venis nova
"per sakro-pova
lang' vi min insultis
en aŭtun' ventblova."

"mi ankoraŭ
ne naskiĝis
multemova
en la pufa ventro
de l' patrino kova"

5.
“diablon!” kriis lupo
“vere sen dubo
min insultis patro
via per fek-rubo!”

senkulpulon
li tuj kaptis
sen ajn ludo
ĝin formanĝis glute
kun sia best-trupo



(adaptita el *Ezopa Saĝo* de Kalocsay)

**(Komencantino)**

## Manjianghong

unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 11 versoj de 434,344,77,353 kaj 33, 33, 54, 77, 353 silaboj respective, laŭ rimaranĝo x,x,a,x,x,a,x,a,x,x,a/ xa,xa,xa,xa,x xa (x=senrima)

### Spirito de Kamelo

ŝip’ en dezert’
vera kun
fera volo
obstine
frekventadas
sen ajn molo
sub bako de arda sun’
li kun fiera kolo
paŝadas
peze kun firma
fervoro

soifo
izolo
malsato
rigoro
eĉ ne ekzistas
en laboro
lia diligenta kaj
fidela al popolo
modelon
li mem starigas
en gloro

**(eto)**



## Yijiangnan

unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo de xa,xa,a (x=senrima).

### Kruela disiĝo

Printempo
ankoraŭ frida
vi diris, ke vi iros
kun adiaŭ' perfida
Ĵaluzo rida

Ĉu vere?
vi ne diris foriri
dum lasta amrenkonto
vi hastas ja foriri?
mi jam kapgiris.

Jam palas
vizaĝo via
Kapkline mi amsopiras
vin kun amkoro pia
jam tre ebria.

Matene
mi vokis ne vin
neniu diris al mi

al kie mi vidus vin
Mi vokas plu vin

Sendanke
kaj senkompate
Vi trafas mian koron
per glavo sangobata
Sen spur' korbata.

**(Ardo)**

## Rava Kunvojaĝo

Nin ravas
sorĉa pejzaĝo
de Kokos-urb', Xinglong, kaj
blanksabla Yalong-plaĝo
dum kunvojaĝo!

Hainan en harmonio,
sorĉe belas la pejzaĝo:
Kokos-urbo, Xinglong, kaj
Yalong-plaĝo.
Nin ravas Ĉielranda kunvojaĝo.
Rekordas seminario !

**(Guozhu)**
2007-02-13

## Valenteno sen Amato

sengusta
morna valenten'
pro malesto de amat'
kun donac' de ama ben'
mi en splen', ĉagren'

brulege
kun juk-maltrankvil'
kore kaj korpe flame
soifas mia subtil'
al forta boril'

nek rozon
nek ĉokoladon
mi volas, sed de amat'
violentan invadon
kacan nomadon

**(Lily)**

## Nokta Penso

plenluno
prujneske brilas
kapleve mi ĝin spektas
mi al hejmlok' sopiras
vagpenso iras

**(Sam)**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_